# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO
— 41a JARO. — JULIO 1949. —

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

**1949**
**- nº 4 -**

Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto : — Voor alle inlichtingen over Esperanto :

— 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento) —


*Entuziasman Viron vivis nia 33a Kongreso.*

# POST BRUĜO, NI IRU AL SPA

Estas en vere entuziasma atmosfero, ke la multaj partoprenantoj al la 33a Belga Kongreso en Bruĝo, travivis la tri belajn Pentekostajn tagojn, en la tiel alloga flandra Venecio.

Jam ĉe l'alveno en la stacidomo, ĉiuj estis kore bonvenigataj de grupo de L. K. K.-anoj kaj gekunlaborantoj, kiuj, laŭvice unu post alia, kondukis grupetojn al la Akceptejo, kie dejoris S-ino De Baets-Huyghe, la kasistino, helpata de diversaj aliaj.



*Kliŝo afable disponigita de « Burgerwelzijn ».*

La Kongresanoj antaŭ la Provinca Palaco.

Tie, sur nigra tabulo, oficiala cifero : la 33a, por la unua fojo post la milito, denove kunigos pli ol CENT partoprenantojn !

Post Antverpeno, kiu okazis en ankoraŭ necerta tuj-postmilita atmosfero; post Charleroi, kiu jam permesis pli belajn esperojn pro la ĉeesto de juna partoprenantaro, Bruĝo fine alportis la certecon ke, de nun, niaj Kongresoj disvolviĝos regule, unufoje en Flandrujo, unufoje en Valonujo, sed ĉiam en

tiu spirito de samnacieco, de samceleco kaj de samideaneco, kiu estas la karakterizo de niaj ĉiujaraj kunvenoj.

Jam de la tria, la kongresanoj multnombre alvenis kaj, dum tiuj ĉi estis kondukataj al sia hotelo, la administrantaro de Reĝa Belga Ligo Esperantista havis mallongan, sed laborplenan kunsidon, dum kiu ĝi akceptis postlasajon de nia bedaŭrata vicprezidantino F-ino Jennen kaj aranĝis planon pri labordivido, laŭ kiu niaj vicprezidantoj S-roj Jaumotte kaj Tassin, prizorgos la ĝeneralan pripropagandan laboron, respektive en la flandra kaj en la valona parto de la lando, helpataj de diversaj provincaj aŭ regionaj helpantoj.

## LA SABATA LABORKUNSIDO

Je la 5a horo, okazis la laborkunsido de la Kongreso, kiun antaŭiris mallonga eksterordinara ĝenerala laŭleĝa kunsido de la Ligo, pri kiu ni aparte raportas. Ĉe la prezidanta tablo, D-ro Kempeneers estis ĉirkaŭata de la prezidanto de la L. K. K., S-ro Ch. Poupeye, de la vicprezidantoj de la Ligo, S-roj Jaumotte kaj Tassin, de la sekretarioj, S-roj Vandevelde kaj Verdier, kaj de la kasistino, S-ino Plyson.

S-ro Poupeye bonvenigis la ĉeestantojn kaj deziris al ili plej agrablan restadon.

Li substrekis ke, en plena konsento kun la Ligestraro, la L. K. K. elektis kiel devizon por tiu ĉi Kongreso : UNU BELGA NACIO, UNU NACIA LIGO, UNU BELGA KONGRESO, ĉar ĝi opinias dezirinde, rediri nunmomente, nian fidon en la unueco de la movado en nia lando, kies popolo, malgraŭ tio, kion povus diri kelkaj, estas vera nacio en la vortara senco de « popoloj kiuj vivas sub unu sama ŝtata aŭtoritato » kaj kiu, precipe sur la Esperanta kampo, do bezonas nur UNU belgan Ligon, kies membroj kunvenu en UNU granda jara landfesto, la nacia Kongreso.

Tiu ĉi parolado de la Prezidanto de la L. K. K. estis varme aplaŭdata.

S-ro Poupeye tiam transdonis la gvidadon de la Kongreso al la Liga Prezidanto, kiu elektigis la Kongresan Komitaton jene : **Prezidanto,** D-ro Paul Kempeneers; **Vicprezidantoj,** S-roj Jaumotte kaj Poupeye; **Sekretarioj :** S-roj Vandevelde kaj Verdier.

La Kongresa Prezidanto tiam, siavice, bonvenigis la ĉeestantojn kaj klarigis la tagordon de tiu ĉi kunsido, dum kiu tri temoj estas priparolataj.

F-ino Obozinski enkondukis la unuan temon : « Esperanto kaj la internacia kongreso de Internacia Ligo por nova Edukado ».

La Kongreso demandis al F-ino Obozinski, kiu ĉeestos tiun fakan kongreson, fari en ĝi tre mallongan, sed kondensitan paroladeton pri tiu temo. Aliflanke, la Ligestraro zorgos por ke ĉiuj partoprenantoj ricevu propagandmaterialon pri Esperanto.

S-ro Verdier priparolis la duan temon : « Esperanto kaj Komerco ».

Konkreta konkludo estis ke, sub gvidado de S-ino Plyson kaj de la paroladinto, fondiĝis en Belgujo sekcio de la Komerca Ĉambro, starigata jam antaŭ jaroj en Lyon; kaj ke diversaj ĉeestantoj enskribiĝis sin aŭ la firmaon aŭ societon, al kiu ili apartenas aŭ kiun ili gvidas; tiel ke tiu belga sekcio, de nun, efektive ekzistas.

Fine S-ro Vandevelde legis interesan tekston pri nia estonta propagando.

Kaj je la akurata horo finiĝis tiu kunsido, tiel ke ĉiuj havis unu horon kaj duonon por vespermanĝi antaŭ

## LA INTERKONIĜA VESPERO

kiu, je la oka, komenciĝis en plaĉa salono, je la unua etaĝo de la kafejo « Tabarin », Vlamingstraat.

Intima, sed tre interesa, amuza kaj samtempe multnombre ĉeestata kunveno, dum kiu S-ro Groothaert prezentis S-ron Verdan Stelon, hipnotiganton, kiu al

diversaj ĉeestantoj farigis strangajn, impresigajn agojn, per hipnozo aŭ voltransdono.

S-ino Lefebvre-Janssens, tre lerta pianistino, aplaŭdigis sin en du vigle kaj plenanime ludataj muzikaĵoj kaj estis rekompencata per longa aplaŭdo kaj per belaj floroj, kiujn transdonis al ŝi S-ro Poupeye.

## LA DIMANĈA TAGO

Por la katolikoj, la dua Kongrestago komenciĝis per la Sankta Meso, en la Basiliko de la Sankta Sango.

Pastro J. J. De Corte faris la Diservon kaj elparolis belan predikon en nia lingvo.

Post la Diservo, ĉiuj vizitis la malgrandan, sed riĉan muzeon de la Basiliko.

## LA OFICIALA AKCEPTO EN LA URBDOMO

Tuj poste, la Kongresanoj kunvenis en la Urbdomo, kie estis okazonta, ankoraŭ antaŭ la Solena Kunsido, la oficiala Akcepto.

La Urbestro, S-ro Victor Van Hoestenberghe, kiu jam en antaŭaj cirkonstancoj bonvenigis nian kongresanaron, persone salutis nian administrantaron kaj nian membraron, ĉe la eniro.

En la granda kaj tiel belega Gotika Salonego de la Urbdomo, okazis tiu akcepto.

Ĉe la oficiala tablo, la Urbestro estis ĉirkaŭata de S-ro Kempeneers, de S-ro Poupeye, de la du Vicprezidantoj kaj de la Sekretario de la Ligo.




1 2 3 4 5 6

*Kliŝo afable disponigita de « Brugsch Handelsblad ».*

Fotografaĵo farita antaŭ la Urbdomo post la oficiala akcepto.
1. S-ro Jaumotte; 2. D-ro Kempeneers; 3. S-ro Van Hoestenberghe, Urbestro;
4. S-ro Tassin; 5. S-ro Poupeye; 6. S-ro Vandevelde.

Post kiam S-ro Poupeye estis prezentinta la kongresanaron, la Urbestro unue parolis. Li memorigis la diversajn prezidintojn de la Bruĝa Grupo, kiu estas ne nur unu el niaj plej malnovaj kaj viglaj grupoj, sed ankaŭ unu el niaj de la lokaj instancoj plej bone konataj. Ĉiuj nomoj de la iamaj gvidintoj estis citataj de la Urbestro, kiu honorigis ilin laŭvice.

Li tiam diris sian ĝojon pro la okazo, kiun li ĝuis, akcepti nin en tiu ĉi bela urbdomo, kiu, same kiel la tuta urbo Bruĝo estis providence ŝparita dum la milito, sed kiu suferis poste per brulego, kiu detruis parton de la konstruaĵo, sed ne atingis verdire la belan gotikan salonon.

Li fine deziris al nia movado, al nia Ligo kaj al niaj kongresaj aranĝoj, plej grandan sukceson.

S-ro Jaumotte tuj tradukis, kiel eble plej lerte kaj precize tiun ne nur formalan, sed vere koran paroladon kaj la Urbestro estis tiel allogata per la belsoneco kaj facila komprenebleco de nia lingvo, ke li ne volis preterlasi ree ekstari, por diri sian admiron pri nia Esperanto kaj nia Idealo.

D-ro Kempeneers tiam elparolis flandralingve jenan paroladon, kiun ree S-ro Jaumotte rapide, sed tamen ne resume tradukis... dum la Urbestro, kiu cetere estas lingvisto, atente aŭskultis kaj tiel varmigis la koron de la ĉeestantaro.

Waarde Heer Burgemeester,

De Esperantisten die het 33ste Belgisch-Esperanto Congres bijwonen hebben mij de aangename taak opgedragen, U en het Gemeentebestuur van Brugge te danken voor de welwillendheid aan onze beweging betoond.

Veertig jaar geleden, in de tijd van de eerste Esperanto-Congressen, scheen ons ideaal nog een soort luchtkasteel; de Esperantisten werden nog beschouwd als zonderlingen, die de bovenmenselijke taak hadden aangenomen de vloek van de Toren van Babel uit te wissen.

Sedertdien, met uitzondering van de oorlogsjaren, heeft er ieder jaar een Belgisch Esperanto Congres plaats gehad, het ene jaar in een Vlaamse en het volgende jaar in een Waalse stad.

En sedert veertig jaar is er veel veranderd in de geest van de mensen.

Onze beweging is iets levends geworden, gekend door de « man in the street », en voor haar eigen betekenis gewaardeerd. Een bewijs hiervan is het resultaat van het onderzoek onlangs ingesteld door het Nederlands Instituut voor publieke opinie.

Op de vraag : *Indien een taal de internationale hulptaal moest worden, aan welke zoudt U de voorkeur geven ?* kwamen 58 t. h. gunstige antwoorden voor het Engels, 29 t. h. voor het Esperanto, 2 t. h. voor het Frans, 2 t. h. voor het Duits, 1 t. h. voor het Russisch, 1 t. h. voor andere talen; 27 t. h. hadden geen opinie.

Wij moeten erkennen dat naast de 58 t. h. voor het Engels, dat in Nederland veel sympathie geniet, bekend en onderwezen is, de 29 t. h. voor het Esperanto helemaal niet ongunstig schijnen.

Opgemerkt moet worden dat de internationale instanties momenteel minder gunstig reageren dan in het verleden.

Tot nu toe hebben de Esperantisten van de U. N. O. geen gunstige verklaring kunnen veroveren in het formaat van de beslissing van 1922 door de Volkenbond aangenomen.

De U. N. E. S. C. O. is wel is waar met het bestuderen van het probleem van een internationale taal begonnen, maar, mijns inziens, van de verkeerde kant uit, langs waar geen oplossing kan komen.

Gesteund door de I. A. L. A. (International Auxiliary Language Association), worden verschillende internationale talen onder de loep genomen, om te besluiten welke — theoretisch — de *beste* is.

Esperanto, dat leeft, en overal in de wereld geschreven en gesproken wordt, wordt met de zelfde maat gemeten als proeven of theoretische oplossingen, die alleen op papier bestaan of nog in de herssens van hun « uitvinder » liggen.

« Summa jus, summa injuria ! » Met waarschijnlijk de beste bedoelingen zijn de dames en heren van de U. N. E. S. C. O. tot de meeste ongerechtigheid gekomen : iets wat *niet* bestaat met *iets levends* te vergelijken.

U denkt misschien dat ik overdrijf. Onlangs verscheen er een brochure uit de hand van Prof. Bovet, van het Institut J.-J. Rousseau, te Genève, waarin hij zijn ervaring geeft over een onderzoek betreffende het onderwijs van kunsttalen. En hier geef ik hem het woord :

... Por povi kompari le rezultatojn akiritajn en la diversaj ekzistantaj helplingvoj... ni interrilatis kun la gvidantoj de... helplingvaj movadoj (Ido, Occidental, Interlingua, Esperantido, Novial), sed *de ĉiuj ni ricevis aŭ neniun, aŭ negativan respondon* : en neniu alia lingvo ol Esperanto kursoj estis organizataj...

Wat letterlijk betekend : « Om de resultaten behaald door de verschillende bestaande hulptalen te kunnen vergelijken, kwamen wij in aanraking met de bestuurders van hulptaalbewegingen (Ido, Occidental, Interlingua, Esperantido, Novial), en overal kregen wij of *geen* antwoord, of *een negatief*. In geen andere taal dan Esperanto werden cursussen gegeven. »

Wat kan er verwacht worden van U. N. E. S. C. O. ?

Niets... of slechts weinig.

Wij hebben meermalen ervaren dat de beslissingen moeilijk zijn aan te nemen, daar een ieder speciale belangen te verdedigen heeft.

Welnu, zou U. N. E. S. C. O. toch tot een beslissing kunnen komen, welke gevolgen zouden dan te verwachten zijn ?

*Ofwel* valt de keus op Esperanto, en is er niet veel veranderd: er zou slechts een propaganda op grote schaal voor onze beweging worden gemaakt;

*Ofwel* geeft ze de voorkeur aan een ander voorstel; dan gaan wij veertig jaar terug, naar de tijd waarin Ido zo luidruchtig in de wereld werd ingestuurd, met de verzekering dat het een verbeterd Esperanto was, dat alles moest veroveren.

Wat gebeurde er toen ?

De Esperantisten gingen rustig hun gang; de ontevredenen gingen over naar Ido, en, daar ze nooit tevreden konden zijn, gingen ze ook voort met hun taal te verbeteren, jaar in, jaar uit, op die manier dat Ido zo ideaal werd... dat het niet meer bestaat...

Kalm kunnen wij dus de beslissing van U. N. E. S. C. O. afwachten, te meer daar die waarschijnlijk nooit komt.

In feite is er in U. N. O. en U. N. E. S. C. O. een zo ingewikkeld vertalingsapparaat ontstaan, dat het nauwelijks verwijderd zou kunnen worden.

Er zijn zoveel mensen die hun bestaan daarin vinden, dat zoiets niet denkbaar is.

In het tijdschrift *Morgen* heeft onze vriend Sielens een tafereel beschreven van de zittingen van de O. N. U.

Het neusje van de zalm schijnt nu, volgens *Amerika Esperantisto*, de pas in gebruik gekomen draagbare radiotoestellen te zijn.

Stelt U voor : ieder gedelegeerde draagt aan de schouder een soort ransel, waarin een klein ontvangsttoestel ligt met koptelefoon, dat hem de mogelijkheid geeft, waar hij zich ook in het gebouw begeeft, de redevoeringen en hun vertalingen, in vier of vijf talen, aan te horen. Een nieuw wonder van de techniek...

Wat nu met de mensen ? Zoals U weet, de vertalers zitten in geluidloze hokjes, waar ze de vertaling geven van de redevoeringen in de voor hen aangewezen taal.

« Mijn zenuwen kunnen het niet langer uitstaan ! Het is onmenselijk ! Ik ga er van door ! » zei een jonge Zuid-Amerikaan — en uitstekend linguist — aan de verslaggever van *Amerika Esperantisto*, na enkele weken werk in de afdeling van gelijktijdige vertaling van de O. N. U. Zijn reactie stelt de bovenmenselijke moeilijkheden van het systeem in het licht !

En toch, ieder jaar vergaderen de Esperantisten in vele nationale Congressen, gelijk dit, waar niet alleen Walen en Vlamingen, maar ook Fransen, Engelsen, Nederlanders en Zweden aanwezig zijn. En ze vergaderen ook in een Internationaal Congres — dit jaar in Bournemouth, Engeland — dat bijna twee duizend personen samenbrengt uit meer dan dertig verschillende landen. Zij verstaan elkaar uitstekend, zonder radiotoestellen en koptelefoon, zonder tolken die een min of meer nauwkeurige vertaling geven. En dat, daar ze allemaal een zelfde taal gebruiken, een taal die niet het eigendom van een natie of van een stam is, maar de tweede taal, naast de moedertaal, voor iedereen.

Ons Esperanto is geschikt voor dagelijks en voor wetenschappelijk gebruik. Meermalen heeft de praktijk dit bewezen.

Ik las, enkele weken geleden, dat er besloten werd een Europees Cultureel Centrum te stichten, en dit wel in uw mooie stad Brugge. En ik dacht onmiddellijk dat zulk een grootse onderneming ook wel te kampen zal hebben met de taalmoeilijkheden.

Ik ben niet zo vrijmoedig te denken, dat van het begin af Esperanto een rol gegeven wordt. Maar dit schijnt toch een bijzondere gelegenheid om aan een uitgekozen publiek de mogelijkheden van onze hulptaal Esperanto aan te tonen.

Waarde Heer Burgemeester,

Uw stad bezit talrijke beroemde schoonheden, die het verleden haar geschonken heeft. Vele zijn heel oud, de oudste misschien van ons land.

. Brugge is ook de zetel van de oudste Esperanto-Vereniging in België, de Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista, die gesticht werd in het jaar 1902 door wijlen A. J. Witterijck, en zich vervolgens ontwikkelde onder de leiding van de heer Sylvain Dervaux en daarna, tot aan het

uitbreken van de oorlog, door onze vurige aanhangster, Mej. Yvonne Thooris. Nu is de leiding in de handen van de heer Poupeye, die kalm en methodisch onze zaak verdedigt.

Ik ben er van overtuigd, waarde Heer Burgemeester, dat U zelf, en het Gemeentebestuur, onder uw leiding, het mogelijke zullen doen om de plaatselijke afdeling van de Koninklijke Belgische Esperanto Bond te steunen, in haar streven voor Esperanto.

Ik dank U voor alles wat de stad Brugge tot nu toe voor ons heeft gedaan en bij voorbaat voor de hulp welke U in de toekomst aan onze beweging zult verlenen.

Kaj la honorvino, kiu fakte estis honorbrando, tiam estis prezentata al ĉiuj ĉeestantoj kaj oni trinkis je l'honoro de Bruĝo kaj de nia Kongreso.

La Urbestro malsupreniris kun ni por la vizito de la urbdomo kaj je l'peto de kelkaj jurnalistoj, fotografiĝis sin kun la estraro antaŭ la urbdomo.

## LA SOLENA KUNSIDO

Tuj poste, sekvis la Solena Kongresa Kunsido, en la sama Gotika Salono.

S-ro Kempeneers sidiĝis en la prezidanta seĝo; ĉirkaŭis lin : S-ro Poupeye; la du vicprezidantoj S-roj Jaumotte kaj Tassin; la du sekretarioj S-roj Vandevelde kaj Verdier, kaj la kasistino S-ino Plyson.

Post enkonduka parolo, la Prezidanto proponis sendadon de telegramo al la Ŝtatestro, Lia Reĝa Moŝto Princo Karlo (1) kaj al la jenaj gemembroj de nia Ligo, kiuj pro malsano aŭ grava malhelpo ne ĉeestas nian Kongreson : al F-ino Thooris, honora prezidantino de la Bruĝa Grupo kaj honora vicprezidantino de la Ligo; al S-ro G. Vanden Bossche, ĉefdelegito de U. E. A., kaj al S-ino Elworthy-Posenaer, pionirino de Esperanto kaj honora administrantino de la Ligo.

La Prezidanto donis la okazon al unu reprezentanto de ĉiuj diversaj landoj, alparoli la Kongreson. Tiuj estis S-ro Moy Thomas (Britujo), S-ro Curnelle (Francujo), S-ro Dercks (Nederlando) kaj fine S-ro Lundgren (Svedujo).

S-ro Poupeye tiam legis paroladon de S-ro Vandevelde, kiu, pro gorĝolaciĝo, prefere ne laŭtparolis kaj kiu pritraktis nian propagandon en la lando kaj la rimedojn, kiujn ĉiu el ni povas alporti al tiu ĉi.

S-ro Jaumotte resumis por la ĉeestantaro, la temojn pritraktatajn kaj la konkludojn alprenitajn dum la laborkunsido de Sabato.

Ĉiu estis tiam invitata prezenti temon por la laborkunsido de la Kongreso 1950. Naŭ diversaj temoj estis sugestitaj. Inter ili oni elektis « Esperanto kaj la Junularo ». En la diversaj grupoj tiu temo estos priparolata dum la jaro laŭ siaj diversaj aspektoj. Raportantoj estos indikataj por pritrakti la temon dum la Kongreso.

La Vicprezidanto ankaŭ faris alvokon por Panjo la Kaso, post kiu okazis rondirado kun ĉapeloj, kiuj fine enhavis la belan sumon de Fr. 1.780,45.

---

(1) Teksto de la sendita telegramo :

*De Belgische Esperantisten, samen gekomen gedurende het 33e Nationale Congres georganiseerd door de Koninklijke Belgische Esperanto Bond, bieden Zijn Koninklijke Hoogheid de Prins Regent hun gevoelens van oprechtheid en trouw aan.*

Teksto de la ricevita respondo :



Paleis te Brussel.
Huis van de Prins Regent.

---

*Mijnheer de Voorzitter,*

*De Prins Regent werd ten zeerste getroffen door de gevoelens van aanhankelijkheid, die U bij gelegenheid van het Nationaal Congres van uw Groepering tot uiting heeft gebracht.*

*Zijne Koninklijke Hoogheid heeft mij er mede belast U, en al degenen wier tolk U geweest is, Zijn innige dank voor te brengen.*

*Gelieve, Mijnheer de Voorzitter, de betuiging mijner hoogachting te aanvaarden.*

*Het Kabinetshoofd.*

Fine la Prezidanto anoncis, ke li ricevis inviton de malnova samideano el Spa, organizi la Belgan Kongreson tie dum unu el la sekvontaj jaroj.

Li petis aprobon por elekto de tiu ĉi urbo, kiel kongresurbo por la jaro 1950. Ĝenerala aplaŭdo sekvis tiun proponon.

Kaj S-ro Jaumotte kaptis la okazon de tiu entuziasmo por fari la tradician alvokon por la HONORA KOLONO de tiu 34a Belga Kongreso en Spa.

Pasintan jaron, por la 33a, tridek-tri membroj enskribiĝis sin jam tuj.

Tiun ĉi jaron, S-ro Jaumotte haltis memvole je KVINDEK kongresanoj, kiuj, jam nun, pagis sian kotizon.

La respondoj al lia alvoko estis tiel rapidaj, ke S-ro Sielens, kiu enskribis la kandidatojn, same kiel pasintan jaron..., ne kapablis sekvi plene la ritmon... kaj konstatis ke 52 gemembroj jam aliĝis, anstataŭ la 50 anoncitaj !

Tiu malgranda detalo evidentiĝas klare la atmosferon en kiu niaj kongresaj laboroj okazis... Kaj jam, de tiu momento, la Bruĝaj organizintoj povis fieri !

## FOTOGRAFADO KAJ FLORDEMETO

La fotografado de la Kongresanaro ne okazis antaŭ la Urbdomo, sed sur la ŝtuparo de la Provinca Palaco kaj diversaj fotografiistoj, sendataj de siaj redaktejoj, ankaŭ estis surloke.

Procesie kaj kun la flagoj antaŭe, la sekvantaro iris al la Monumento al la Militmortintoj.

F-ino Yvonne Poupeye, la ĉarma filino de G-roj Poupeye, transdonis belan florgarbon al D-ro Kempeneers, kiu demetis ĝin antaŭ la muro de la Kripto, en kiu estas la Memorigilo.

Post minuto da silenta pripensado, ĉiuj vizitis tiun kripton.

## LA FESTENO

Kaj ĉar ĉio okazis je la akurata horo, restis ankoraŭ iom da tempo por promenade iri al la « Cornet d'Or », kie preskaŭ cent kunmanĝontoj trovis bonan lokon en agrabla kunesto kaj ĝuis la manĝojn vere delikatajn proponitajn laŭ jena menuo :

*Milana supo.*

—

*Esperantaj ŝipetoj*

—

*Salmo, butera saŭco, terpomoj.*

—

*Borlango kun fungoj.*
*Terpomaj fritaĵetoj.*

—

*Torto.*

Je la horo de la toastoj, D-ro Kempeneers proponis tiun al la belga nacio, kaj ĝia unua reprezentanto, Lia Reĝa Moŝto Princo Karlo, Vicreĝo de Belgujo.

Kaj tiam sekvis serio da bondeziroj kaj proponoj je l'levigo de glaso kaj je trinkado, nome S-ro Sengel, honore de la sinjorinoj, kun dankvorto de S-ino Stroobandt; de S-ro Tassin, je la alilandaj kongresanoj, kun respondo de S-ro Curnelle unue, kiel regula ĉeestanto de niaj Kongresoj, kaj de S-ro A. Lundgren; de S-ro Groothaert al la gazetistaro kaj de S-ro Sielens, ĵurnalisto, kiu promesis la daŭran apogon de la jurnalistaro, kaj fine de S-ro Jaumotte al la L. K. K., kun respondo de S-ro Poupeye.

Estas tre certe la momento, por citi en tiu ĉi raporto, ne nur la malnovajn samideanojn, kies nomojn ni retrovas en la listo de la L. K. K., sed kiujn ni efektive ankaŭ vidis, dum ili dejoris kaj kunlaboris al la sukcesigo de la Kongreso; kaj inter kiuj multaj kunlaborantoj junaj kaj kunlaborantinoj ĉarmaj. Ni diru ke S-ro Poupeye estis ĉirkaŭata kaj helpata de S-roj Groothaert kaj Fl. Verplancke, viceprezidantoj; de S-ro D. Demeulenaere kaj F-ino Yolande Van Parijs, gesekretarioj; de F-ino Willems, kiu anstataŭis S-inon Y. Vrielynck-

Hubrecht, en funkcio de gazetara sekretariino; de S-ino M. De Baets-Huyghe kaj S-ino S. Verbeke-Vandeberghe, kasistinoj; de F-ino Maria Verbeke, komisariino pri loĝado; de F-ino A. Boereboom kaj K. Decoster, gekonsilantoj... al kiuj ni tamen ankoraŭ devas aldoni tutan aron da helpantoj, ni diru la tutan aktivan membraron de la loka Grupo, kiuj anonime, sed ne malpli varme estu dankataj.

Post kiam la Prezidanto estis ankaŭ dankinta ĉiujn siajn kunlaborantojn en la Ligestraro, S-ro Moy Thomas, akompanante sin mem, ankoraŭ kantis siajn konatajn ariojn, kun la sama gaja vigleco, kiel antaŭ la milito... kiam li estis preskaŭ okdekjara !

La programo estis tiel bone kunmetita ke, post la ampleksa manĝo, kiun ni ĝuis, ni havis la okazon por digestiĝe promenadi ĝis la enŝipiĝejo de la kanalboatoj, por ekskurso tre alloga en malgrandaj grupoj, kiuj tamen poste atendis unu la alian, por ankoraŭ pli funda vizito de la urbo.

## LA BALO

Kaj ĉiam akurate, oni disiris por prepariĝi por granda dancfesto.

La L. K. K. trafis bonegan decidon, invitante al tiu balo gekonatulojn kaj simpatiantojn, inter kiuj diversaj konataj personoj, kiuj iamaniere povos helpi nian movadon kaj kiuj havis la okazon aŭdi nian lingvon, parolatan ĉe la tabloj kaj eldiritan publike, okaze de diversaj anoncoj.

Bonega muzikistaro dancigis ĉiujn ĝis la unua matene... kaj kelkajn nelacigeblulojn... ĝis la dua matene !

## LA LUNDA TAGO

Tio ne malhelpis ke ĉiuj estis akurate je la deka, antaŭ la akceptejo por la vizito al la artaj vidindaĵoj de Bruĝo.

Ni tuj diru, ke la tiurilata decido de la L. K. K., kiam oni en la diversaj urboj eksciis pri ĝi, ne estis ĉiam favorege akceptata.

La kutimo pri lunda ekskurso estas tiel enradikiĝinta, ke alia solvo por tiu lasta tago, ŝajnas unuavide nebona.

Sed Bruĝo estas urbo nekomparebla al kiu ajn alia. Kaj dum ĉiuj antaŭaj kongresoj ni jam elflugis ĝin, tamen ne admirinte eĉ nur parteton de ĝiaj trezoroj.

Kaj tial, la nuna decido de la L. K. K. montriĝis plej trafa kaj bona. Kaj ĉiuj, — en du grupoj gvidataj de S-roj Poupeye kaj Groothaert, helpataj de aliaj membroj kiuj ankaŭ pretigis sin por tiu tasko, — eniris unu post alia la diversajn muzeojn, kie ĉie plene kontentigaj kaj interesaj klarigoj kaj komentarioj estis donataj laŭtvoĉe en nia lingvo.

## LA LUNDA TAGMANĜO

Paŭzo en tiuj sinsekvaj vizitoj okazis je la unua, por la komuna tagmanĝo en restoracio « Belga », kie la salono finfine estis preskaŭ tro malgranda, ĉar vere ĈIUJ kongresanoj deziris ĝin partopreni.

Neniam antaŭe, la komunaj manĝoj havis tiel grandan sukceson... Sed nur malofte ankaŭ la restoraciistoj tiel bone prizorgis siajn gastojn.

Tiu ĉi komuna tagmanĝo estis ne-oficiala kaj toastoj ne estis antaŭvidataj. Tamen S-ro Lundgren, nia sveda samideano, kiu kun sia edzino jam tute adaptiĝis al la atmosfero de niaj kongresoj, ekleviĝis kaj komencis SVEDE alparoli la kongresanaron... li ŝajne miris, ĉar eĉ la flandroj ne komprenis lin, oni tamen jus estis substrekinta en lia ĉeesto la similecon de la sveda kaj de la flandra lingvoj !... Li tiam daŭrigis en Esperanto kaj diris sian ĝojon kaj tiun de sia edzino por la belaj tagoj, kiujn ambaŭ travivis meze de la belga samideanaro.

S-ro Jaumotte ekleviĝis siavice por eldiri la kelkajn svedajn vortojn, kiujn li konas kaj kiujn li tuj instruis kaj de ĉiuj laŭtdirigis, nome : « Min skôl, din skôl, alle vakkre flikker skôl... », kio signifas : « Je mia sano, je via sano, je la

sano de ĉiuj ĉarmaj knabinoj... » tiel kunigante en unu toasto, ĉies dankon al la svedaj kaj alilandaj amikoj kaj al ĉiuj ĉarmulinoj en la salono.

Li ankaŭ dankis tutspeciale la Prezidanton kaj D-ro Kempeneers tiam konkludis per simpla dankvorto kaj per speciala honorigo de S-ino Poupeye, la edzino de la L. K. K.-prezidanto, en kies persono li, lastfoje, honorigis Bruĝon kaj ties belan sekcion de Belga Ligo.

## LA FINO

La grupoj reformiĝis por la daŭrigo de la vizitoj kaj, ekde la kvara horo, la unuaj devis, kontraŭvole, pensi pri la rehejmiĝo.

Antaŭ la akceptejo manoj estis premataj, sinceraj vortoj dankaj kaj ĝisrevidaj estis eldirataj.

... Kaj vespere, ĉiuj estis ree en sia urbo, pliriĉiĝintaj per memoro al unu plia bela festo, kiu rekunigis kaj reintimigis amikojn, daŭre disigataj dum la jaro per siaj profesiaj laboroj, sed kiuj tamen restas ligataj unu al la alia, per alta sento de frateco, de samideaneco kaj de fideleco al komuna idealo, kiu ne estas nur lingva, sed profunde homa : La Idealo de la Interna Ideo, la Idealo de nia Majstro.

M. JAUMOTTE.

## KONGRESAJ FOTOGRAFAĴOJ

La fotografaĵoj, kies kliŝojn ni publikigas en la nuna numero, estas akireblaj je sekvantaj prezoj : formato 18×24, 30 fr.; 13×18, 20 fr.; poŝtkarto, 10 fr., sendkostoj entenataj. Oni mendu ilin per pago aŭ ĝiro al poŝtĉekkonto 5583.40, de Hector Breyne, Sint-Andries, por la granda grupo, kaj 2114.02, de Ch. Poupeye, Bruĝo, por la malgranda grupo.

---

## LA UZO DE LA LINGVOJ EN NIA LIGO

Por respondi al kelkaj demandoj de novuloj en nia movado, pri la uzo de la lingvoj en la kunvenoj kaj kongresoj de Belga Ligo, ni diru, ke la nura lingvo kiun oficiale konas Reĝa Belga Ligo Esperantista estas la Esperanto lingvo.

Nur ĝin oni uzas dum ĉiuj kunvenoj, ĉu estraraj, ĉu administrantaraj, ĉu ĝeneralaj, ĉu kongresaj.

Dum Kongreso, okazas regule, ke iu estrarano, en urbdomo aŭ ĉe akcepto de aŭtoritatuloj, nepre devas uzi nacian lingvon; la lingvo uzata de la prezidanto kaj de estraranoj estas la franca, dum kongresoj en Valonujo, la flandra, dum kongresoj en Flandrujo.

Sed ni tuj aldonu, ke same ĉe akcepto en urbdomoj, kiel dum vizitoj al industriaj aŭ turismaj vidindaĵoj, la paroladoj kaj klarigoj estas ne nur resume sed preskaŭ laŭtvorte tradukataj tuj de iu el la gvidantoj.

Tiel ĉie kongresano plene ĝuas la tutan kongreson, kie ajn ĝi okazas kaj, aliflanke, tiu agmaniero ebligas nin, laŭ deca maniero, devigi la aŭtoritatulojn aŭskulti siajn proprajn paroladojn kaj klarigojn en Esperanto.

Restas alia uzo de lingvoj; la skriba. La estraro de Belga Ligo en siaj rilatoj kun eksterstarantoj kaj novuloj uzas kun ili, ne la lingvon de la regiono sed la lingvon uzatan de la interesulo mem.

Sian propagandon en la du landpartoj, la Ligo tamen faras en la respektivaj regionaj lingvoj aŭ en ambaŭ kune, se la dezirindeco ekzistas.

Fine estas uzo de nacia lingvo, kiu kostas monon: nome kiam temas pri presigo de oficialaj tekstoj en la Ŝtatgazeto.

Tiuj tekstoj estas ĉiam prezentataj al la kunvenoj kaj presataj en « Belga Esperantisto » Esperantlingve.

En la Ŝtatgazeto, ni tamen nur presas unu nacilingvan tekston.

Kiam temis pri la statuto, la presigo okazis flandrlingve, ĉar, tiumomente, la sidejo estis en Antverpeno.

Intertempe alia deviga enpreso okazis en franca lingvo, kaj ĉar la sidejo de nia Ligo nun estas en Bruselo, tiuj enpresoj okazos, laŭvice, en unu kaj en alia lingvo.

Tamen la estraro ĉiam zorgis por ke eĉ tiuj tekstoj, kiuj tute ne plu interesas Esperantistojn, kiuj ilin konas senpere, ekzistu en la arhivoj en ambaŭ lingvoj.

Tiuj klarigoj celas nur montri, ke la Ligestraro ĉiam, en la plej larĝa spirito, solvas, por la eksterstaranta mondo, la lingvan demandon, kiun, por nia interna vivo, jam delonge solvis por ni nia Majstro mem.

---

## ESPERANTISTA KRONIKO

BULGARUJO. — La 32a Bulgara Esperanto-Kongreso okazos en Vratza de la 21a ĝis la 23a de Aŭgusto 1949. Ĝi certe estos multnombre ĉeestata, ĉar la Esperanto-movado bone progresas en la lando. La radio-stacio de Sofio dissendas ĉiutage en Esperanto, sur mallongondo 39.11, je la 20a horo laŭ normala mezeŭropa tempo. Aŭskultu ĝin kaj skribu al la stacio. Ankaŭ salutu la Kongreson !

ITALUJO. — La nacia Itala Kongreso (22a de Itala Esperanto Federacio kaj 2a de Itala Laborista Esperanto-Asocio) okazos en Varezze de la 3a ĝis la 6a de Septembro. La programo enhavas diversajn oficialajn programerojn, kaj ankaŭ sportajn konkursojn, ekskurson al Portofino Vetta, k. c. Detalan programon kaj aliĝilon postulu de Nacia Kongreso de la Italaj Esperantistoj, Club Margherita, Varezze, Italujo.

---

## BELGA KRONIKO

ESPERANTISTA BRUSELA GRUPO. — La Bruselaj gegrupanoj ĉiam regule kaj sufiĉe nombraj ĉeestas entuziasmplene al la lundaj kunvenoj, kies antaŭvidataj programoj estas plenigitaj je intereso kaj plezuro. Speciale menciinda estas la parolado de S-ro L'Host, kiu publike, por la unua fojo, prezentis paroladon. La temo estis « Ĉielaj kuriozaĵoj ». La gratuloj de la prezidanto atestis la senton de la aŭdantaro; ni devas aldoni ke la parolado estis ilustrita de majstraj desegnaĵoj faritaj de S-ro L'Host mem.

— Ekster niaj regulaj kunvenoj, ni povas noti kelkajn okazintaĵojn.

— S-ro D. Van der Stempel komencis perfektigan kurson.

— La komitato PAX, kie R. L. B. E. estas reprezentita, starigis ekspozicion, kie ni disponis pri panelo; S-ino E. Staes faris en ĝi, franclingve, belegan paroladon pri « Esperanto, facteur de paix ». Proksimume 40 personoj ĉeestis. Kiel kutime, S-ino Staes parolis klere kaj malrapide.

— F-ino Obozinski estas delegita por partopreni en la Internacia Kongreso por Nova Eduko, okazonta en Bruselo de la 10a ĝis la 17a de Julio. Ŝi prezentos raporton pri « Esperanto kiel ligilo inter la junularo ».

— S-ro Sengel, nome de Brusela Grupo, akceptis nederlandajn geinstruistojn, kiuj vizitis Bruselon la 29an de Junio. S. O.

*Programo de la venontaj kunsidoj.* — Ejo : Brasserie Saint-Martin, place du Grand-Sablon, 38, Grote Zavelplein, ĉiulunde je la 20a.

Aŭgusto : la 1an, parolata ĵurnalo; la 8an, je 19.30, S-ro Van der Stempel, perfektiga kurso; je 20.30, S-ino E. Staes, humoraĵa vespero; la 15an, Ĉieliro, ne okazos kunveno; la 22an, S-ro Sengel, amuza vespero; la 29an, F-ino Obozinski, Kongreso en Bournemouth.

Septembro : la 5an, parolata ĵurnalo; la 12an, je 19.30, S-ro Van der Stempel, perfektiga kurso; je 20.30, S-ino Ernst, mia somera vojaĝo; la 19an, S-ro Ledeganck, vojaĝo en Rumanujo; la 26an, S-ino Stern, Kiel vi juĝus ?

Oktobro : la 3an, parolata ĵurnalo; disdono de la premioj al la laŭreatoj; la 10an, je 19.30, S-ro Van der Stempel, perfektiga kurso; je 20.30, S-ro Brihay, Astrologio; la 17an, S-ro Castel, Filmaĵoj; la 24an, S-ino Oleffe, ŝiphalto en Rio-de-Janeiro; la 31an, S-ro Swinne, miaj malliberejoj (S. Pellico).

Novembro : la 7an, parolata ĵurnalo; la 14an, je 19.30, S-ro Van der Stempel, perfektiga kurso; je 20.30, S-ro Alofs, Aŭtomata gvidado de aviadiloj, didaktika materialo.

GENTA GRUPO. — Dum la pasintaj kunsidoj, oni aŭdis la jenajn paroladetojn. La

prezidanto paroladis pri la danĝeroj en la fosado de putoj; F-ino Picqué, pri la Fundamento de Esperanto; S-ro Van de Voorde, pri nova maniero de instruado al la infanoj; S-ino Van Wanseele, pri la moroj de la ursoj; S-ino Gruslet, pri la giganta kverko de Lummen kaj, en la kunsido de la 25a de Junio, S-ro Van de Voorde parolis pri la du formondoj en la Arto.

## TRA LA GAZETERO

— *De Verkenner*, jongensblad van het Vlaams Verbond der katolieke scouts, enhavas naci-lingvan kolonon pri Esperanto, kun alvoko aliĝi al la skolta Esperanto movado. Sekretariejo : Philomenastraat, 11, Antwerpen.

— *Esperantisto Slovaka*. — Ilustrita monata Esperanto revuo, redaktata tute en Esperanto, unu el la plej interesaj naciaj revuoj en Esperantujo, havanta legantoj jam en ĉiuj mondpartoj, estas nun abonebla ĉe la reprezentanto por Belgujo, Camille Tousseyn, 55, Statiestraat, Jabbeke (W.-Vl.), Belgujo. Poŝtĉekkonto 4005.25.

## RECENZO

— Esperanto revivas en Okcidenta Germanujo; tion oni povas diversmaniere konstati. Ekzemple per eldono de libroj. En Septembro 1947 aperis Germana-Esperanta vortaro de J. Kühnel el Hamburg, kaj tiun ĉi jaron venis dua eldono. Ĝi enhavas la tradukojn de ĉirkaŭ 15.000 germanaj vortoj, kiuj ebligas, per la esperantaj afiksoj, fari 100.000 vortesprimojn.

— La firmo KLAVARSKRIBO en Slikkerveer (Hollando) eldonis dum la monato Junio grandan broŝuron kies formato estas 35 c. × 27 c., pri nova metodo skribi muzikon. Tiu broŝuro enhavas diversajn ariojn eĉ de famaj komponistoj, kaj ankaŭ « La Espero » n (muziko de De Menil). Ĉiuj estas presitaj « klavarskribe ». *En tiu broŝuro ĉiuj klarigoj estas faritaj nur per Esperanto.*

— Okaze de la centjara liberec̈o de la Hungara Nacio, luksa dek-kvarpaĝa broŝuro pri Budapesth estas eldonita de la urba turisma oficejo. Ĝi enhavas ok fotografaĵojn 20 c. × 14 c., mallonga teksto, nur en Esperanto klarigas la bildojn.

## FAMILIA VIVO

— Kun plezuro ni eksciis pri naskiĝo de fileto Etienne ĉe Ges-oj St. Gorgemans-Derks. Niajn korajn gratulojn al la feliĉaj gepatroj kaj al la geavoj, niaj malnovaj kaj bonaj amikoj Ges-oj Jos. Derks, ĉiuj membroj de Brusela Grupo kaj de R. B. L. E.

## NEKROLOGO

Antaŭnelonge, la Genta Grupo de Reĝa Belga Ligo Esperantista perdis unu el sia bonaj membroj, S-ro Gruslet. Okaze de tiu funebro, ni presentas al S-ino Gruslet, ankaŭ membrino de la grupo, niajn plej sincerajn kondolencojn.

## MEMORAJO PRI F-ino JENNEN

Ni represigis sur aparta folieto la portreton de F-ino JENNEN, kiu aperis en numero 1 (Januaro) de 1949 de Belga Esperantisto.

Por ĝin ricevi per la poŝto pagu sumon de 5 fr. por ĉiu dezirata ekzemplero al poŝtĉekkonto n-ro 13.37.67 de Reĝo Belga Ligo Esperantista.

El eksterlando, sendu du respondkuponojn al Reĝa Belga Ligo Esperantista, 19, avenue Montjoie, Uccle-Bruselo.

## ANONCETOJ

— Karlo RYBA, Lerchenfelderstrasse 158/II/9, Wien VIII, Austrujo, muzikisto, deziras korespondi kun Belgoj.

— 35-jara japana kuracisto, ginekologo kaj tokologo, deziras korespondi kun belga kuracisto aŭ medicina studento pri hemoterapio, pri ginekologio kaj tokologio. D-ro MOI-MORIO, Kacho-Hospitalo, Noda-mura 25, Nagaoko-gun, Koĉi-ken, Japanujo.

— Emilia ŠOSTAKOVA PURZOVKA, č 504, Okr. čadca, Ĉeĥoslovakujo, 19 jara fraŭlino, deziras korespondi kun belga samideano.

— TAKAJASU IŜII, 203, Kamiogikubo-I, Suginamiku, Tokio, Japanujo, 22 jara studento de agronomio, deziras korespondi kun belga samideano aŭ samideanino.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenue Montjoie, Bruselo.
*Vic-prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenue De Bruyn, Wilrijck-Antwerpen
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

(IEL kaj UEA kunigitaj)

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... ... ... . ... fr 30
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... ... 40

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro* :
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 125
b) *Membro Abonanto* :
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... ... . . ... ... ... ... ... ... ... ... ... 190
c) *Membro Subtenanto* :
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... .. 350

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98